# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 8/04/2012 Kvardekunua Eldono 2012 09/04/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ

(se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonatthan Cooper prelegas pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

# Plena Ilustrita Vortaro

Ni povas nun uzi PIV surrete. Vidu http://vortaro.net/

Necesas registrigxi, tamen se vi jam havas konton kun lernu.net vi povas tuj ensaluti uzante la pasvorton de lernu.net

Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto

La fama vortaro de Esperanto jam en la reto! Tio estas **beta-versio** de la sistemo kaj tio signifas, ke vi povas ankoraŭ sperti iujn problemojn aŭ teknikajn mis-funkciojn. Sed iom post iom ni esperas plibonigi tion. Dankon al ĉiuj, kiuj faris tiun ĉi projekton ebla. (inkluzive de la Esperanto Federacio de New South Wales 2000 EUR kaj Melburna Esperanto-Asocio 2000 EUR)

Esperantaj langrompiloj Roger Springer rspring@tpg.com.au /twister/eo.htm

Bonvenon **Brodie May** al niaj legantoj

# UEA Gazetaraj Komunikoj N-ro 449 (2012-03-22)

http://www.uea.org/dokumentoj/komunikoj/gk.php?no=449#1

1. UEA retenis la membronombron
2. 35-a Esperantologia Konferenco en Hanojo
3. LPLP: Pli ol 9000 elŝutoj en du jaroj

## ĜURA, FEMINISMO, E-KUNSIDOJ EN ADELAJDO

Jen foto, kiu eble amuzos vin. Refoje Adelajdo okazigas ĉiu-semajnajn E-grup-kunsidojn, eĉ en la urbo-centro. Gvidata de Trevor Steele unu el tiuj grupoj kunlegadas esperant-lingve en la ŝtat-librarejo en North Terrace.

Ni ĵus finlegis aŭtobiografion de alĝerianino, Ĝura (Djura en la franca). En Esperanto la titolo estas *Vualo de l' Silento*. Temas pri la vualo, kiun en kelkaj landoj virinoj devas porti por kaŝi la vizaĝon. Ĝura estis mort-kondamnita de sia familio ĉar ŝi rifuzis geedziĝi kun arabo kiun ŝia patro elektis por ŝi, sed kiun ŝi tute ne konis - eĉ neniam vidis.

Mohand, unu el la fratoj de Ĝura, geedziĝis kun francino; sed kiam Olivier, franca amiko de Mohand, enamiĝis kun Ĝura kaj volis vivi kun ŝi (kaj ŝi kun li), Mohand sentis la devon bategi kaj tranĉ-mortigi ŝin. Li komencis tion fari, sed pro neatendita interrompo, lia tasko restis ne finita. Ĝura sukcesis eskapi al Francio, sed ŝia familio daŭrigis sian mort-kondamnadon de ŝi dum pluraj jardekoj.

En Francio, tamen, ŝi fariĝis kinistino, aŭtoro, komponisto-kantistino, kaj kreis en 1977 "Ĝurĝuran", kant-grupon kiu fariĝis bone konata de la ĝenerala franca publiko.

La foton, kiun vi nun vidas estis farita en la Universitato de SudAŭstralio dum publika prelego kiun faris Jane Hutcheon, internacia ABC-TV jurnalistino en marto por celebri la internacian tagon por virinoj. Jane daŭre raportis dum pluraj jaroj pri la subpremado de virinoj en diversaj mezorientaj landoj, kaj kelkaj el la statistikoj cititaj de ŝi en sia prelego estas harstarigaj. En Egipto, ekzemple, la generaj organoj de 80% de virinoj estas ankoraŭ kirurgie difektitaj, kaj nur du parlamentanoj en tiu lando estas virinoj.




La tri mezaĝaj esperantistoj en la foto kiun vi nun vidas estas Sandor Horwath, Trevor Steele, kaj Max Wearing. Ilia ĉeesto (sen la edzinoj) kaptis la atenton de unu el la organizantinoj de la prelego, kaj pro amuzo ŝi fotis nin.

Joseph Maxwell Wearing
<mwearing@internode.on.net>

Dank'al Dominic Else la aprila Mirmekobo estas nun legebla surrete ĉe mirmekobo.com. Mi multe dankas pro lia komplezo helpi min enretigi ĝin.
Donald Broadribb donbroadribb@mirmekobo.com

## GENERALA INFORMO pri MIRMEKOBO

Mirmekobo estas per-interreta eldonajo senpage abonebla, ankau individuaj numeroj estas senpage haveblaj. Ciu persono rajtas kontribui al la enhavo de Mirmekobo. Neniu surpapera formo de Mirmekobo ekzistas. La kialo estas ke la presado kaj dissendado de surpapera ekzemplero estus tre multekosta, tiel ke abono estus ankau tre multekosta. Tamen, se vi mem deziras presi per via komputilopresilo por vi au por alia(j) persono(j) ekzemplerojn de Mirmekobo, tion vi rajtas libere fari. Ankau la perretan formon vi rajtas libere dissendi.
La redaktoron vi povas kontakti ce donbroadribb@mirmekobo.com

Klaku mirmekobo.com Estas 18 bonegaj legindaj.eldonaĵoj atendante

## Vortoj de "Lernu" Plenigaĵo de paĝo

INTUICIO
Scio pri difinita fakto, akirita senpere, sen helpo de racia pripenso, de induktaj aŭ deduktaj pensprocedoj:
Mia intuicio diras al mi, ke vi ne pravas.
Onidire, virinoj estas pli intuiciaj ol viroj.
Li intuicie, mem ne komprenante, konstruis novan teorion.
Ŝi intuicias la veron.

LOJALA
1. Fidela al la estro, la reĝo, la registaro:
Li estas lojala ministro.
La propono pri ŝanĝoj devas esti farata pace kaj lojale.
Vi ja ĵuris lojalecon al la ŝtato!
2. Aganta konforme al tio, kion postulas la honoro, sincereco, fideleco al la promesoj:
Dankon pro via helpo, mia plej lojala amiko!
Mallojalaj homoj ne estas dezirataj ĉi tie.

PORCIO
1. Dividita aŭ disdonata parto de tutaĵo:
La patro donis al li bonan porcion da batoj.
Li perdis la malgrandan porcion da prudento, kiun li posedis.
2. Dividita aŭ disdonata kvanto da manĝaĵo:
Mi deziras porcion da glaciaĵo.
Ekonomiaj malfacilaĵoj - porciolimigo, senlaboreco kaj simile - kaŭzis la ĥaoson.
En tiu tempo oni uzis porciokuponojn.
La registaro porciumis la kafon.